# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto III[a], XVII.)
CAMOENS

**3a jaro** **Junio 1933** **N-ro 26**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 8 de mayo de 1933, en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros anotados al margen.

Leída que fué el acta de la Junta del 10 de abril próximo pasado, quedó aprobada.

El Presidente da cuenta de que, por virtud de gestiones realizadas cerca del propietario de la casa en que la Asociación tiene arrendado un cuarto para oficinas, dicho propietario ha propuesto que el importe del alquiler mensual quede rebajado a cien pesetas en vez de las ciento diez que hasta ahora se venían pagando. La Junta se muestra conforme con la propuesta, y autoriza al Presidente para que se haga constar la indicada rebaja, por cláusula adicional en el actual contrato o mediante otro nuevo, de acuerdo con el propietario del inmueble.

Se da lectura a una proposición del señor D. Francisco Azorín, vocal regional de Andalucía, para destinar 500 pesetas de la subvención de Instrucción Pública, concedida para ampliación de enseñanza del esperanto, a ayudar la situación del propagandista alemán señor Ajo, que en Málaga está realizando una gran labor. Estudiado el asunto, se acordó por unanimidad enviar la cantidad propuesta a D. Francisco Azorín para el auxilio que propone, pero cargándolas a los fondos de H. E. A., porque de las 5.000 pesetas obtenidas para ampliación de la enseñanza del esperanto no es posible concederlas, por estar destinadas íntegramente, por acuerdo unánime de la Junta, a premiar a los *once* maestros nacionales que han de asistir al Congreso de Colonia, y porque, al discutirse el empleo de esas 5.000 pesetas, se desecharon opiniones conducentes a premiar a los alumnos de los cursos o a pagar a los profesores. La Junta acordó, por unanimidad, que esta concesión de las 500 pesetas sea por esta sola y única vez, sin que en lo sucesivo pueda esto ni servir de precedente para mayor o menor concesión, y menos aún refiriéndose a un extranjero.

Se da lectura a una proposición de D. Luis Rodríguez Escartín, presidente de la Liga de Ferroviarios Esperantistas, que es acogida con los mejores deseos por la Junta, puesto que está inspirada en las orientaciones que H. E. A. viene propugnando. Solicita la proposición que se concedan a la Liga dos páginas de la Revista para el texto que a aquélla concierna y que se le faciliten gratuitamente tantos

ejemplares como miembros tiene. La concesión de las dos páginas fué concedida sin discusión; lo tocante a los ejemplares gratuitos quedó en estudio, porque esto supone un gravamen para H. E. A., que la obligaría a un gran aumento en sus gastos, y porque, además, H. E. A. da la *Revista gratuitamente sólo a los que son sus miembros*, no pudiendo establecer diferencias entre la Liga y otras agrupaciones esperantistas.

Se acuerda que H. E. A. tenga su apartado en Correos.

Todos los acuerdos fueron tomados por unanimidad.

Y no habiendo más asuntos de que tratar, se levantó la sesión a las veinte horas de dicho día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

NOTA.—Asistieron: D. José Perogordo, vicepresidente; D. Julián Sosa, tesorero; D. Emilio del Barrio, vicetesorero; D. José Buzón, bibliotecario; el presidente y el vicesecretario.

## FARANTE LUMON HELEGAN

En la artikolo «Delegitara Kunsido» aperinta en la 10ª numero de «Progreso Esperantista», unua paĝo, dua kolono, S-ro. Orós, dirinte ke *mi persone malakceptis la enirinviton* en H. E. K., daŭrigas laŭ jene: «Tiu invito ne estis nur afabla alvoko *sed konscio pri bezono ke individua organizo simila al tiu de H. E. A., vivu samtempe ol ara organizo kiel H. E. Konf.* CENTRISMA ORGANIZAĴO HAVAS GRAVAN TASKON: EKZISTAS MULTAJ ESPERANTISTOJ KIUJ PRO DIVERSAJ KAŬZOJ NE POVAS AŬ NE VOLAS APARTENI AL LA REGIONAJ ORGANIZAĴOJ. TIUJ INDIVIDUOJ POVAS ESTI RICEVITAJ DE CENTRISMA ASOCIO KIU PENUS NE NUR POR KE ILI PLIFORTIGU LA REGIONAJN ORGANIZAĴOJN SED STARIGI ILIN TIE, KIE NE EKZISTAS KAJ ANKAŬ KLOPODI POR FONDI FAKAJN TUTLANDAJN SOCIETOJN ĜIS ATINGI KE ĈIU ESPERANTISTO ESTU REPREZENTATA DUFLANKE; KIEL NURA ESPERANTISTO KAJ LAŬ SIA PROFESIO.» Kaj sekvas S-ro. Orós opiniante «*ke la rifuzo eble sin bazis sur la opinio, ke eniro de H. E. A., en la Konfederacio, antaŭjuĝis submetiĝon.*»

Sufiĉe klare estis dirate kaj elpruvate, ke la lasta Kongreso de H. E. A. en Madrid unuanime akceptis la proponon de S-ro. Escartín kaj nomis la Komision por starigi «SUPERAN ORGANIZAĴON SUR LA BAZO DE H. E. A.» La Komisio ne povis trafi tion, kion voĉdonis unuanime la Kongreso; la Komisio proponas aliaĵon, kaj la aliaĵon ne povas akcepti la Komitato de H. E. A., des malpli ĉar la aliaĵo starigas ion, kio estas kontraŭ la Regularo voĉdonita de la Kongreso mem, kaj la Komitato de H. E. A., kiel okazas en ĉiuj organizaĵoj, devas nur agi laŭ diras la Regularo. Tial, *ne estis opinio pri submetiĝo la bazo de la rifuzo; la fundamento de la rifuzo estis la plenumado de la* KONGRESA DECIDO KAJ DE LA REGULARO.

Sed ni analizu la dirojn de S-ro. Orós, kiujn mi surstrekis kaj metis en grandajn literojn: laŭ li, *ni estas pravaj subtenante H. E. A.n, ĉar centrisma organizaĵo havas gravajn taskojn: arigi la samideanojn, kiuj ne volas aliĝi al regionaj aroj; penadi, ke ili plifortigu tiajn arojn; fondi ĉiajn fakajn societojn.* Kaj mi demandas, ĉu H. E. A. faris kaj faras alimaniere? S-ro. Orós, parolante pri la tasko al H. E. A. arigi la izolajn samideanojn en la tuta lando, starigas la principon de kompleta libereco individua; de tiu principo ni deiras, ĉar ĉi tiu principo de tutplena libereco individua estas la fundamento de nia organizaĵo: nia organizaĵo iras de la simplaĵo, *individuo*, al la malsimplaĵo, *tutlanda organizaĵo;* sed ni ne konformiĝas per ĉi tio, ĉar ni opinias, ke inter la *individuo kaj la tuto*, por plej bona laboro kaj plej granda sukceso, estas nepre necesaj aliaj organizaĵoj, kiuj eĉ devas esti aŭtonomaj, kaj H. E. A. rekomendas al siaj membroj ariĝi loke, regione, profesie, promesante ĉian helpon eblan por ilia disvolvado, kaj tial H. E. A. *plenumadis, plenumadas* la «PENON», kiun esprimas la paroloj de S-ro. Orós. Kaj ĉi tio ne estas vanaj paroloj, ĉi tio estas plenumenda ordono de la Regularo de H. E. A. pro la III[a] artikolo.

H. E. A., do, plenumas tutplene la celon de dezirinda supera tutlanda organizaĵo, donante kompletan aŭtonomion al regionaj kaj fakaj organizaĵoj, liverante al tute sendependaj samideanoj kompletan izolecon; ĝia direktado dependas de tute demokratia reĝimo en kiu la Regionaj Voĉdonantoj konstante partoprenas.

Iam kaŭze de interŝanĝado de opinioj kun S-ro. Orós, por fini polemikon, mi sendis al li grafikaĵon por klarigi definitive mian konscion pri la esperanta organizaĵo plej taŭga laŭ mia opinio, kaj S-ro. Orós aprobis la skemon, kiun esence mi donas al vi:




La antaŭa grafikaĵo elvidigas la plej konvenan organizon, kiun konsilas H. E. A., kiun havas H. E. A.; sed ĝi ne diras, ke ĉiu aragona membro (konsciu regiona) devas unue ariĝi loke, regione, profesie, por esti heaano; ĉiuj rekte estas heaanoj pagantaj siajn jarkotizojn al H. E. A. rekte, kaj jam ĉe H. E. A. ariĝas laŭ memvolo, sub influo kaj penado de H. E. A. al diversaj ariĝoj. Grupiĝinte, federaciiĝinte, ĉiuj aŭ plimulto de samregionanoj, eĉ oni povos elekti por la regionaj postenoj en la Komitato de H. E. A. la prezidanton kaj aliajn du de la regiona estraro. H. E. A. estas, do, organizaĵo

el individuoj liberaj por subgrupiĝi laŭ propra decido, kun rajto al kompleta aŭtonomio kaj al ebla helpo de la tutlanda ariĝo. Al ĝi ankaŭ povas aparteni, kiel individuoj, kiu ajn ariĝo.

Sed ni argumentu ankoraŭ nin bazante sur fundamentoj donitaj de la bulteno organo de la Konfederacio kaj de dokumentoj, kies kliŝoj, por plej bona atesto kaj konstato, aperas ĉi tie.

Laŭ la «*Bilanco de* 1932», aperinta en la bulteno rezultas, ke la Kataluna Esp.-Federacio pagis pro I^a^ duonjaro 39'60 pesetojn; kaj por dua sesmonata kotizo de 174 membroj, 52'20 pesetojn; la Aragona Esperanto Federacio por la jara kotizo de 100 membroj dum 1932, pagis 60'00 pesetojn; la Orienthispana Esp.-Federacio pagis por 1932, 50'00 pesetojn, en tute la enspezo de la Hispana Esperantista Konfederacio pro kotizoj por 1932 atingas la sumon da DUCENT UNU PESETOJ. Laŭ la esprimo de la bilanco la nombro da membroj estas *cent* de la Aragona Esp.-Federacio, *cent sepdek kvar* de la Kataluna Esp.-Federacio, kaj atentante, ke ne aperas la nombro da membroj de la Orienthispana Esp.-Federacio, ni alkalkulas al ĝi *okdek tri* membroj ĉar ĉiu federaciano devas pagi al la Konfederacio ĉiujare 0'60 centimojn el peseto. La Hispana Esp.-Konfederacio, do, kalkulas TRICENT KVINDEK SEP MEMBROJN. LA HISPANA ESPERANTISTA ASOCIO KALKULAS SESCENT SESDEK MEMBROJN, KIUJ PAGIS SIAJN KOTIZOJN POR 1933, KAJ ANKORAŬ CERTE PAGOS MULTAJ KIUJ NEATENTIS LA PAGON SED ESTAS ENTUZIASMAJ KAJ SERIOZAJ HEAANOJ; TIAL H. E. A. TRAFOS LA NOMBRON SEPCENT. KIAL, DO? PRO ĜIA LABORO, NEDUBEBLE, SPITE DE LA KONTRAŬSTAROJ. Sed studante kaj analizante la «*Bilancon de* 1932» oni rimarkas ion strangan, kio vidigas malegalecon en la organizaĵo: la Kataluna Esp.-Federacio pagis 91'80 pesetojn pro 174 konfederaciigitoj, kaj tial ke *la kotizo por ĉiu federaciano aliĝinta al Konfederacio estas, laŭ la statutoj de la Konfederacio*, 0'60 *centimoj el peseto, la Kataluna Esp.-Federacio devis pagi* CENT KVAR PESETOJN; tial ĉiu konfederaciano apartenanta al Kat. Esp.-Federacio pagis malpli, ol ĉiu konfederaciano de la Arag. kaj Orienthispana Esp.-Federacioj.

Ankaŭ la statutoj de la Konfederacio elvidiĝas maljustaj, altrudantaj, per starigo de *du kotizoj: unu el* 0'60 *centimoj ĉiujare, por esperantistoj aliĝintaj al Federacioj; alia, el* DU PESETOJ, *por ne federacianoj, por tiuj, kiuj volas resti izolaj, pro kio oni celas per tiel tro alta ĉiujara kotizo perfortdevigi al federaciiĝo. Nia Asocio starigis devojn, rajtojn samajn al ĉiuj: unikan kotizon,* DU PESETOJN;

*kompletan liberecon individuan; simplan membrecon al tutmonda organizaĵo;* egalan profiton koncerne gazeton, librojn, k. c. KOMPARU, DO.

Per la jenaj kliŝoj vi atentu, ke mi min turnis al S-ro. Orós por alveni al unuiĝo, kaj ke S-ro. Orós respondas vidigante bedaŭron (*tria paragrafo*) tial ke *nia nova vojo rekta kaj praktika ne estu okazinta*



Zaragoza 29 Decembro 1931

Sro Julio Mangada Rosenörn

MADRID

Altestimata samideano:

Atente mi legis vian leteron de la 16a de la nuna monato kaj komukis al miaj kunkomitatanoj viajn proponojn.

Pri tio kio ĝi min, persone, koncernas, mi multe bedaŭras mian neeblan partoprenadon en la proksima kongreso de Madrid. La ĉefajn kaŭzojn esprimas al vi "Frateco", kaj plie, mi legis ke estas nepre necese esti aliĝinto al HEA antaŭ unu jaro por havi plenajn rajtojn.

En via interesa letero vi diras ke HEA "eniras novan vojon rektan kaj praktikan" Mi pro tio ĝojas kaj nur bedaŭras, ke tio ne estu okazinta antaŭ kelkaj monatoj. Eble ni, nune, ne havus du naciajn esperantistajn organizojn en Hispanujo. Tamen, mi kredas, ke tio ne estas baro por pripensi pri iama forta hispana fronto.

S-ro Gaston estas: Rafael Gaston Burillo - Paseo de Sagasta 12 entresuelo -Zaragoza. Sendube ĉiuj ĉi sciigojn havas la sekretariejo de HEA tial ke li estis ano kaj ili estis publikigitaj en BES adresaro.

Dezirante al vi fruktodonan agadon ĉe la prezidanteco de HEA mi reoferas al vi la humilajn servojn de via samideano

ANTAŬ KELKAJ MONATOJ, ĈAR «EBLE NI, NUNE, NE HAVUS DU NACIAJN ESPERANTISTAJN ORGANIZOJN EN HISPANUJO». Ĉi tion li diris je la 29 de decembro de 1931, kaj JEN: LA PREZENTADO DE LA STATUTOJ DE LA KONFEDERACIO OKAZIS JE LA DEKA DE JANUARO DE LA JARO 1932, KAJ LA LEĜA STARIGO ESTIS JE LA SEPA DE MARTO DE 1932. *Bonvolu, do, atenti,* se ESTIS ALVENINTA MIA LETERO ANKORAŬ ĜUSTATEMPE POR KE S-ro. OROS NE ESTU BEDAŬRINTA. *Kaj per la alia kliŝo* atentu, *kiel kontraŭleĝe funkciis la Konfederacio, ĉar antaŭ*

HISPANA ESPERANTISTA KONFEDERACIO

Prezidanteco dum 1.932-33.
Aragoma Esperanta Federacio.
S-tro Roda 14-16.
Zaragoza.

Al S-roPrezidanto de
Hispana Esperanto Asocio.
Madrido.

Altestimata S-ro Prezidanto:

Laŭ decido de la lasta kunsido de la Centra Komitato de ĉi tiu Konfederacio,mi ŝatas prezenti al vi respektoplenan saluton al H.E.A.,kaj tial ke nia Konfederacio konsistas ne nur el geografiaj regionaj esperantaj organizoj,sed ankaŭ el fakaj naciaj esperantaj asocioj,ni invitas H.E.A-n eniri en nian Esperantistan Konfederacion,cele formi fortan fronton hispanan,kun pleno libera autonoma agado de ĉiu H.E.K-ero.

Mi multe gratulas H.E.An pro la subvencio ricevita de la Ministro de Publika Instruado por la esperanta laboro.

Zaragoza 29 Decembro de 1.931.

La Sekretario.

Emilio Bruquetas

Emilio Bruquetas.

*ol la starigo de la Konfederacio, laŭ la leĝo postulas, jam* FUNKCIIS CENTRA KOMITATO DE LA KONFEDERACIO, ĈAR DECIDO DE LA CENTRA KOMITATO EN KUNSIDO OKAZIGAS, KE S-ro. BRUQUETAS SIN TURNU AL MI KIEL SEKRETARIO DE LA KONFEDERACIO INVITANTE HISPANAN ESP.-ASOCION — LEĜE STARIGITAN DE ANTAŬ KELKAJ JAROJ — ENIRI EN ASOCION NESTARIGITAN. SED TIU CENTRA KOMITATO, JE KIES NOMO SKRIBAS S-ro. BRUQUETAS KAJ LA KUNVENO (KIES DECIDON LI KOMUNIKIS AL MI) ESTAS NELEĜAJ, ĈAR LA KONFEDERACIO PREZENTIS LA STATUTOJN JE LA DEKA DE JANUARO DE 1932; JE LA SEPA DE MARTO DE 1932, ONI STARIGAS, LEĜE KAJ SEKVE DE LA APROBO DE LA STATUTOJ ĈE LA PROVINCESTREJO, LA KONFEDERACION, KAJ NUR DE ĈI TIU MOMENTO ESTAS KIAM POVAS NOMI LA POSTENOJN DE LA KOMITATO KAJ OKAZIGI KUNVENOJN.

ATENTU BONE LA SINTENADON, LA KONDUTON DE UNUJ KAJ ALIAJ; JUĜU SENPARTIE, KIUJ ESTAS PRAVAJ, KIUJ LABORAS LOJALE KAJ ZAMENHOFE, KIUJ FACILIGAS KAJ KIUJ BARAS; KIUJ AGADAS ĈE KAMPO TUTE REGULA.

Sed revenante al la teksto de la «*Delegitara Kunsido*», per ĝi ni vidas ankoraŭ evidentege la neleĝan funkciadon de la Konfederacio, ĉar ĝi okazigas «LAŬ 7ª ART.° DE LA REGULARO, LA DUAN DE LA PASINTA OKTOBRO ĈE LA ARAGONA ESPERANTISTA FEDERACIO KUNVENON DE DELEGITOJ DE LA ALIĜINTAJ FEDERACIOJ» kaj «ĈEESTIS F-ino. CASANOVAS KAJ S-roj. ALLBERICH, MAYNAR, LARRUGA, ESTEBAN, ETAYO, PUERTOLAS kaj BESCOS. PREZIDANTO, S-ro. OROS; SEKRETARIO, S-ro. BRUQUETAS; KASISTO, S-ro. SALAS»; kaj en tiu ĉi kunveno de la «DELEGITARA KUNSIDO» AGADAS UNU REPREZENTANTO DE ASTURA ESP.-FEDERACIO, SED EN LA KALKULOJ (ENSPEZOJ) NE APERAS PAGO DE KOTIZO DE TIU FEDERACIO, EĈ DE UNU SOLA ASTURA SAMIDEANO; TIAL KONSCIU LA NEVALIDECO KAJ NELEĜECO DE LA KUNSIDO, DE ĈI TIU VIDPUNKTO, KAJ SE LA ASTURA FEDERACIO PAGIS KOTIZOJN, LA KALKULOJ ESTAS NE VERAJ. RIMARKU, KE TIUJ, KIUJ KULPIGADAS LA KOMITATON DE

H. E. A. PRO ĜIA NELEĜA AGADO, LAŬ SIA OPINIO, ESTAS REALE, EVIDENTE, LA NELEĜEMULOJ, KVANKAM AL ILI APARTENAS JURISTOJ.

En la teksto, kiun ni analizas kaj komentarias, diras: «*Tial la proponon pri Supera Interrilata Komitato, kiu reprezentus ĉiujn esp. organizaĵojn de la Hispana Respubliko antaŭ la Registaro kaj fremdaj organizaĵoj, ni vidis simpatie kiel la komenco de tiu unuiga ideo*», paroloj de S-ro. Orós; kaj S-ro. Alberich diras «*ke se tiu Komitato estos kreita,* NEK LA KONFEDERACIO, NEK ALIA ASOCIO DEVOS REKTE SIN TURNI AL LA REGISTARO.» Tio estas: KUNVENO DE ASOCIO FUNKCIANTA, KIEL ESTAS VIDIGITE, KALKULANTA TRICENT KVINDEK SEP MEMBROJN CELAS FORIGI DE LEĜE STARIGITA KAJ FUNKCIANTA ASOCIO TUTLANDA KONSISTANTA EL SESCENT SESDEK MEMBROJ, DE ASOCIO OFICIALIGITA DE LA REGISTARO PER INSPEKTADO KAJ SUBVENCIADO KAŬZE DE KONSTANTA LONGEDAŬRA LABORO, KAŬZE DE LA INTERLITAĜADO DE LA ASOCIO KUN LA SINSEKVAJ REGISTAROJ, DE LA DATO DE LA FONDIĜO, CELAS FORIGI LA TRE BONE GAJNITAN RAJTON DE LA NEDISKUTEBLA OFICIALIĜO. KIAL?

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## GRAVA ELDONITA VERKO

Hispana Esperanto-Asocio ĵus eldonis la gravan verkon «Santander» kun 128 paĝoj en luksa papero, kun 112 belegaj bildoj ilustrantaj la tekston, kiu enhavas la jenajn kvazaŭ ĉapitrojn: «Teritorio kaj klimato», «La Pintoj de Eŭropo», miriganta grandioza montargrupo; «La Santanderido», kiu entenas klarigojn pri la indiĝeno, pri liaj kutimoj, tradicioj, popolkantoj, kun versaĵoj kaj du tipaj muzikaĵoj kun ĝiaj kantoj; «Pri la urbo Santander», kies teksto diras historie, monumente, situacie, k. t. p., eĉ pri la Internacia Somera Universitato; «Santillana del Mar» vidigas abunde pri ĉi tiu rimarkinda urbeto, kiu estas vere juvelo altvalora de la arkeologia kaj arta vidpunkto, ankaŭ la teksto entenas la IXan Montarpoemon («Serranilla») el la famegaj versaĵoj de l' Markizo de Santillana, eminenta poeto de la XV jarcento; «Grotoj de Altamira» prezentas la mirindajn pentraĵojn, kiuj faras la Grotojn unikaj en la mondo, kaj diras pri prahomoj kaj pri ilia arto, k. c.; «Arkitekturaĵoj» diras pri monumentoj de la provinco. 20 × 14 cm.

Ĉar la Nacia Patronaro por Turismo eksperimente monhelpis por la eldono, la Naciaj Asocioj estas petataj por ke ili bonvolu diri la nombron da specimenoj, kiujn ili bezonas por siaj delegitoj de la Universala Federacio Esperantista, petante ilin pere de la Centra Oficejo de la Federacio por senpaga ricevo, atentante ke estos unu ekzemplero po delegito, kaj ke estas nepraj kondiĉoj, ke la Naciaj Asocioj sendu al Hispana Esperanto-Asocio OFICIALAN DOKUMENTON DANKANTE KAJ GRATULANTE LA HISPANAN PATRONARON POR TURISMO, ke la Naciaj Asocioj devigu siajn respektivajn delegitojn sendi al Hispana Esperanto-Asocio POSTKARTON KUN TEKSTO GRATULANTA KAJ DANKANTA LA PATRONARON. La Gazetoj estas petataj



recenzi la libron, citi la agon de la Patronaro kaj sendi al Hispana Esperanto-Asocio specimenon, kiu recenzos la libron, sed ĉi tiu specimeno estos sendependa de tiu de la interŝanĝo kun ĉi gazeto. Ĉiuj estas petataj fari kiel eble plej rapide, por kolekti la dokumentaron kaj ĝin prezenti al la HISPANA PATRONARO POR TURISMO kun la celo impresi ĉi tiun kaj sukcesi por novaj monhelpoj kaj eldonoj, kaj ni opinias, ke ĉiuj konscios pri la graveco de la afero kaj ke, tial, nia peto estos komplezata por la bono de esperanto.

Ceteraj esperantistoj povos havigi al si la belegan libron: la hispanaj samideanoj, po UNU peseto 50 centimoj, sedante la monon al la trezoristo, S-ro. Julián Sosa, strato Gonzalo de Córdoba, 22. MENDANTE DEKON ONI HAVIGOS AL SI TRIONON DA RABATO. ĈIAM ANTAŬPAGU! La fremdaj samideanoj devos peti kaj antaŭpagi ilin al siaj respektivaj Naciaj Asocioj, ĉi tiu al la Centra Oficejo de la UFE, kie siavice mendos la librojn al

Hispana Esperanto-Asocio, kiu rekte sendos la librojn al la Naciaj Asocioj. La prezo pagota al Hispana Esperanto-Asocio po ekzemplero estos UNU SVISA FRANKO, kaj la Centra Oficejo de la UFE kaj la Naciaj Asocioj difinos la prezon al mendintoj, sed neniam la prezo supermezuros DU SV. FR. Tiamaniere ni starigas libroservon per kiu ankaŭ ĉiuj (ni) liveras profiton al Naciaj Asocioj kaj al UFE por ilia subtenado.

LA ALIĜINTOJ AL LA X$^{a}$ KONGRESO DE HISPANA ESPERANTO-ASOCIO RICEVOS SENPAGE LA LIBRON, KIU KUN LA BELA INSIGNO DE LA KONGRESO SUFIĈE KOMPENSAS LA KVIN PESETAN KOTIZON.

## LA UNUECIĜO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO MOVADO

Ni devas tuj diri nian ĝojon! Plena interkonsento estis subskribita en Ĝenevo, la 22an de majo 1933$^{a}$, pro kio UEA kaj UFE en pliiarĝigata U. E. A. kunfandiĝis!

Jen la interkonsento. La subskribintoj:

1. S-ro. Ed. STETTLER, Prezidanto de la Universala Esp.-Asocio.
2. S-ro. Fr. SCHOOFS, Sekr.-Kas. de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj reprezentanta de la Belga Ligo Esp.
3. S-ro. C. C. GOLDSMITH, reprezentanto de la Brita Esperantista Asocio kaj de la Brazila Ligo Esperantista.
4. S-ro. René DUBOIS, reprezentanto de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, de la Hispana Esperanto-Asocio kaj de la Kataluna Esperantista Federacio.
5. S-ro. Rob. KREUZ, reprezentanto de la Centra Dana Ligo kaj delegito de la Itala Esperantista Federacio.
6. S-ro. H. STEINER, reprezentanto de la Aŭstria Esp.-Asocio.

Kunvenintaj en Ĝenevo, la 22 majo 1933, por prepari la vojon al interkonsento pri internacia organizo, starigis la jenan planon:

1e) UEA estas la tutmonda organizaĵo esperantista, reprezentanta la esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

2e) La landaj esperanto-societoj, laŭ difino akceptita en K. R., povas aliĝi al UEA, per interkonsento, reciproke revokebla ĉiutrijare laŭ jenaj ĝeneralaj principoj:

a) Ili pagos al UEA jarkotizon de svs. fr. 0,50 por ĉiu el siaj regulaj membroj;

b) La membroj de tiuj societoj fariĝas per tio simplaj membroj de UEA; ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝ-helpo kaj informpetado;

c) La landaj societoj klopodas varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj de UEA. Aktivaj membroj estas membroj senpere aliĝintaj aŭ varbitaj de landaj societoj, kiuj pagas la laŭstatutan kotizon por ricevi la jarlibron, gazeton, ktp. (t. e. la ĝisnunaj M, MA, MS).

3e) La landaj societoj prenas sur sin la administradon de la membroj de sia lando, sub la gvidado de ĉefdelegito, nomita de UEA, interkonsente kun la landa societo.

4e) La landaj societoj partoprenas per sia estraro aŭ per siaj grupoj en la elekto de la lokaj delegitoj.

5e) En landoj, kies societo aliĝis kiel membro-societo, la kotizo de UEA por aktivaj membroj, ne-apartenantaj al la landa societo estas por ĉiu kategorio almenaŭ same alta kiel la kotizoj, kiuj la landa societo fiksis por siaj membroj el ĉiu kategorio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj.

6e) La landaj membro-societoj kun minimume 100 membroj ĝis 1000 elektas 1 membron en la komitaton de UEA plian por ĉiu komencanta milo da membroj. En tiuj landoj, UEA ne plu elektos komitatanon pere de la delegitoj.

7e) Kun la landaj societoj, ne aliĝintaj al UEA, kiel membro-societoj, kun fakaj societoj kaj institucioj, UEA povas fari kontrakton pri favoraj kondiĉoj (art. 14 de la statuto de UEA), aŭ tiuj organizoj povas simple sin enskribi ĉe UEA kiel partoprenantoj en la ĝenerala esperanto-movado, kontraŭ fiksita jarpago.

8e) Okaze de ĉiu Universala Esperanto Kongreso kunsidas «Konsilantaro de la Esperanto-Movado». Ĝi konsistas el la komitatanoj de UEA, la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj kaj dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la organizaĵoj registritaj ĉe UEA laŭ artikolo 7 ĉi-supre. Tiu konsilantaro esploras la jar-raportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj starigas programon de laboroj, kune entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de dezir-esprimoj., kiujn ĝi transdonas al la komitato de U. E. A.

9e) La ĝisnuna kongresa regularo daŭras validi. La kongresa liceno-pago iras al U. E. A.

10e) Post sia likvido, ICK kaj KR transdonos al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj UEA.

11e) UEA estas petata submeti la nunan proponon al siaj komitatanoj kaj K. R. al la landaj societoj.

12e) La nova aranĝo ekfunkcios tuj post kiam la komitato de UEA kaj 12 landaj societoj ĝin akceptis.

Subskribis: *Ed. Stettler, Fr. Schoofs, Cecil C. Goldsmith, René Dubois, Rob. Kreuz, Steiner.*

Ĉiuj membroj de Hispana Esperanto-Asocio, kiuj fakte estas simplaj membroj de la tutmonda organizaĵo, kaj kiuj jam de pli-malpli frue estas membroj de U. E. A., konstatos, ke ĉiam ni estis pravaj certigante, ke fine venos la delonge sopirita deziro pri tutmonda neŭtrala esperanta fronto. For por ĉiam danĝeroj! Antaŭen kun plena fido pri la Unueciĝo, kiu akcelos la finan triumfon de Esperanto!

# ENLANDA KRONIKO

*Santander.*—Sub gvidado de nia nelacigebla kaj entuziasma samideano Serapio Elvira, fondiĝis ĉi tie la Esperantista Grupo Zamenhof el infanoj, kiuj fervore agadas por disvastigi Esperanton, precipe por instrui la lingvon al geinfanoj, kaj tial S-ro. Elvira klarigas kursojn. La grupo konsistas jam el kvardekkvin membroj, leĝe funkciante en la Popola Ateneo, kaj la membroj aktive interŝanĝas korespondaĵojn kun geinfanoj de Germanujo, Kanado, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Francujo, Anglujo, Hungarujo, Nederlando, Japanujo, Svedujo, Svisujo, Rusio kaj aliaj landoj. La grupo celas organizi gravan interesan ekspozicion el poŝtkartoj de la tuta mondo dum nia X$^{a}$ Kongreso Nacia. La Komitato konsistas el S-roj.: Rafael Pérez, prez.; Pedro Mediavilla, vicpr.; Joaquín Bedia, sekr.; Casimiro Revilla, vicsekr.; Antonio Mediavilla, kasisto; Robustiano Pérez, kalkulisto; Gonzalo Bedia, voĉd. La kotizo estas 0'10 centimoj ĉiusemajne. Iuj el la membroj fariĝis *heaanoj*. Laŭdinda kaj imitinda estas la laboro de ĉi tiuj infanoj, kiujn tre kore gratulas H. E. A.!

* * *

*Zaragoza.*—Plensukcese disvolviĝadis de la 23$^{a}$ de aprilo ĝis lastaj tagoj de majo ĵus pasinta ciklo el paroladoj organizita de la Grupo «Zaragoza Esperantista». Dimanĉon, 23an de aprilo (de 1933), S-ro. Andrés Giménez Soler, eksrektoro de la Universitato de Zaragoza, pritraktis la temon «La hispana lingvo kaj ĝiaj internaciaj rilatoj», vidigante ke ĉi tiu nia patra lingvo pro siaj fonetiko kaj simpla strukturo estus la plej taŭga kiel internacia aŭ dua lingvo por ĉiuj se ne ekzistus esperanto, kiu estas la plej praktika lingvo internacia. Li rimarkigis ke la granda nombro da radikoj greko-latinaj de esperanto faras ĉi tiun lingvon tre facila por la hispanoj.

La 27an de aprilo, S-ro. José Carnicer, prezidanto de «Zaragoza Esperantista», parolis pri la temo «Esperanto» atentigante pri la esperanta idealo, kiu estas la animo de la lingvo; pri projektita urbo esperantista kaj pri la solidareco de tutmondaj esperantistoj por krei novan mondon dank' al tiu nova sento, kiu estas kerno de la lingvo,

kaj kiu renversas la tradiciajn barojn inter la popoloj, farante ĉiujn homojn *Civitanoj de la Mondo*. Li akcentigas anekdote la vivoforton de esperanto, ke en la esperanta kampo neŭtrala havas lokon ĉiuj homoj spite de siaj apartaj sociaj, religiaj, politikaj, k. c., ideoi. Li finis konstatante, ke la plej granda triumfo de esperanto estos eviti la militon. La parolado estis en esperanto kaj hispana lingvo.

Dimanĉon 30an, S-ro. Pascual Galindo, vicrektoro de la Universitato de Zaragoza, paroladis pri paralelismo inter latina lingvo kaj esperanto, kaj tre kompetente kaj konvinkante li elmontradis kaj elpruvis la neeblecon alpreni latinan lingvon kiel internacian lingvon, ĉar ĝi, krom la malfacileco, havas tiom da fonetikoj kiom da landoj, ĉar ĉiu lando adaptigis al ĝi sian propran fonetikon.

Ĵaŭdon 4an de majo, S-ro. Francisco Lobera Casamayor, provinca delegito de la Tifiologia Federacio, parolis pri esperanto kiel unu el plej gravaj, belaj kaj efikplenaj entreprenoj por la blindularo en kies lasta internacia Kongreso estis reprezentataj pli ol 26 landoj uzantaj esperanton.

Dimanĉon 7an, S-ro. Manuel de Lasala Llanas, profesoro de Internacia Juro en la Zaragoza Universitato, parolis pri la nepra neceso postulata de la nuntempeco deviganta la homaron interrilatiĝi per dua lingvo, kiu estos ĉies sed propraĵo nenies; sperte kaj tre prave li parolis pri Ligo de Nacioj kaj ĝiaj projektoj kaj pri la aktuala disvastigo de esperanto.

Ĵaŭdon 11an, S-ro. Félix Sisón, delegito de la Hispana Esperanto-Asocio en Aragono, parolis pri «La novaj internaciaj lingvoj rilate al esperanto», kaj laŭdis la celojn de la kreintoj por solvi la problemon, sed malaplaŭdas tiujn kiuj malantaŭeniris, kreinte lingvojn, kiuj estas multe pli komplikaj ol esperanto, konstatinte ke nur la lingvoj *a posteriori*, kiel esperanto, povas sukcesi, kaj el ĉiuj esperanto kiel perfekta verko simpla, logika, facila belsona kaj kun *interna ideo* aŭ *animo*. Li citis projekton de nekonata hispano, kiu aperis je la duono de la pasinta jarcento, kiu estas tre simila je esperanto, kaj li finis per bela franca fabelo.

Dimanĉon 14an, ĉe la salono de la Agrupación Artística Aragonesa, oni fermis la ciklon sub prezido de la prezidanto de «Zaragoza Esperantista», S-ro. José Carnicer, kiu klarigas ne estis eble al S-ro. Julio Mangada Rosenörn fari persone la fermon, pro kio S-ro. Francisco Gurrea legis la temon senditan de S-ro. Mangada. La temo prezentis unue, irante de la ero al la tuto, kia estas la hispano, kiel li sentas, kiamaniere li tial estas kapabla por praktiki esperanton pro siaj propraj karakterizoj klinitaj de la plej malproksima pasinteco al frata internacia sento; li dokumente atestas eĉ ke la nomo Hispanujo

entenas fratigantan senton same kiel eĉ la simbolismo de la respublika flago trikolora. Fine li atentigis pri la forta pacema movado en kiu militas Henri Barbusse kaj Romain Rolland akceptinta esperanton; kaj pri la enkonduko de esperanto en la lernejoj por trafi tiamaniere la Pacon.

La multeonmbra ĉeestantaro dum ĉiuj okazintaj festoj premiis la laboron per grandaj aplaŭdadoj, interesiĝante kaj konsciante la gravecon de esperanto per tiel rimarkinda ciklo de paroladoj faritaj de universitatanoj precipe; kaj oni povas konstati ke la laboro estis fruktodona, kaj ke ĝi meritas ĉiajn laŭdojn eĉ esti imitata.

* * *

*Madrido.*—La racia bulteno «Vida y Trabajo» («Vivo kaj Laboro») aperigas regule bonajn artikolojn pri esperanto, kiujn verkas S-ro. A. Calderón. La bulteno ankaŭ malfermis kurson per korespondaĵoj. Rimarkinda estas la artikolo aperinta en la numero 6ª de aprilo, per kiu S-ro. A. Calderón tre bone trafas la celon por plej bona disvastigo de esperanto, rekomendante *neŭtralecon, senpartiecon,* ĉe la esperantistoj celantaj nur la disvastigon, la propagandon de esperanto, ne barante ĉi tio, ke, for de la neŭtrala kampo por ĝenerala propagando, la esperantistoj ariĝu laŭ idealoj, profesioj, emoj, por partikularigi esperanton en siaj respektivaj medioj. *Ĉi tiu estas la maniero por agi konsciita de H. E. A.!*

La 12an kaj 25an de majo, en la Ateneo kaj en la Militista Klubo, respektive, S-ro. Julio Mangada Rosenörn faris impresantajn paroladojn pri Esperanto kiel interpopola ligilo, pri esperantaj popolamasoj nuntempaj, pri praktikeco kaj utilo de la lingvo per kaj por vojaĝoj. Antaŭ multenombra ĉeestantaro li disvolvis la temojn kaj propagandadis la vojaĝon al Kolonjo, kaj alprenon de esperanto per anoncoj, broŝuroj kaj filmoj de Kolonjo kaj de la unua Madrida Kongreso.

La Militista Klubo okaze de Internacia Kongreso de Militistaj Kuracistoj kaj Apotekistoj organizis honorantan feston, el kies programo estas teatraĵo klasika «Don Gil de las Calzas Verdes» (Don Ĥil' de la verdaj pantalonoj), de Tirso de Molina, eldonante la programon kun la argumento de la komedio hispane, france, angle, germane kaj esperante.

———o———

**NE PROKRASTU LA ALIGON AL LA Xª KONGRESO EN SANTANDER, POR KIU LA FERVOJOJ HISPANAJ JAM DECIDIS GRANDAN RABATON.**